Mutchul Mossover se tornou em 1916 esposa do prince baha'i persa Bahman Shidani, que, em 1914, também havia aprendido a Língua Internacional.

A sueca Karin Höjer, cega desde criança, se casou em 1919 com Harald Thilander, cego desde os treze anos, depois de mais de vinte anos de colaboração com ele em favor do esperanto. Ela morreu em 1927. Ele se casou de novo em 1928 com Varma Jäärvenpä, uma esperantista finlandesa que conseguiu em parte recuperar sua visão novamente. Varma, em esperanto, curiosamente significa "quente", "caloroso/a"...

## Mil mulheres, mil destinos

A história do esperanto é pontilhada de uma multidão de retratos de mulheres espantosas e admiráveis que mereceriam um livro dedicado só a elas.

Elas tiveram mesmo um papel decisivo para o sucesso da Língua Internacional do doutor Zamenhof, em comparação às centenas de tentativas de criação de línguas internacionais concebidas com fins exclusivamente utilitários ou sobre bases totalmente errôneas (o que confirma o eminente professor Umberto Eco em seu livro sobre a busca da língua perfeita). Por conseguinte, os outros projetos são desprovidos de alma e de valor cultural.

Portador de uma mensagem de igualdade, de fraternidade, de ideias emancipadoras e humanistas, um instrumento prático e eficiente para torná-las efetivas, o Esperanto foi por muito tempo e ainda é vítima de uma política tendendo a mantê-lo, assim como a mulher, em um estado de inferioridade, através do escárnio, da detração, da humilhação, de pressões ou do silêncio. Cabe pensar que as vitórias sociais da mulher serão vitórias para o esperanto, e vice-versa.

Defintivamente, o espírito que move o Esperanto - a interna ideo ou ideia interna - não é estranho às qualidades das duas mulheres que mais o marcaram, inspiraram e ajudaram Luís Lázaro Zamenhof: Rosalia e Klara.

Inúmeras são as mulheres que hoje se dedicam a fazer avançar esse ideal. Este modesto estudo, realmente muito curto, é dedicado a elas.

---

Traduzido do folheto francês Portraits de femmes sans frontières (SAT-Amikaro - 67, avenue Gambetta - 75020 - Paris) pelo Kultura Centro de Esperanto-Campinas

---

Bibliografia


Historio de Esperanto - Adam Zakrzewski
Enciklopedio de Esperanto - Literatura Mondo, Budapest
Le Docteur Esperanto - Maria Ziolkowska
Zamenhof - Marjorie Boulton
L'Espéranto - Pierre Janton




Fonte: http://www.aleph.com.br/kce/artigo20.htm

# Bem sucedido Ciclo de Conferências 2009 da BEL

O Ciclo de Conferências 2009 da Liga Brasileira de Esperanto se realizou em um ambiente agradável e com uma rica programação, nos dias 22 e 23 de fevereiro, com a participação de cerca de 30 pessoas, que com certa dificuldade atingiram a cidadezinha mineira de Bandeira do Sul. Todo o evento ocorreu em um retiro católico, onde os visitantes se reuniram, fizeram as refeições e pernoitaram, mediante preço favorável e à sombra de imponente bandeira do Esperanto, hasteada no pátio interno. O organizador do evento, Sr. João Otávio Veiga, praticamente sozinho (porém, com a ajuda de sua gentil esposa) recepcionou a todos com total carinho – pelo que somos gratos.

Após a palestra de abertura pelo Prof. Sylla Chaves "Relações Públicas para Instituições Esperantistas Brasileiras", seguiram-se as seguintes palestras: "A História da Morte" pelo Prof. José Mauro Progiante, Bauru/SP; "Quadro-Referencial Europeu: novo sistema internacional para exames de línguas" pelo Prof. Paulo Nascentes, Brasília/DF; "Releitura da Gramática Fundamental do Esperanto" pelo Prof. Geraldo Mattos, Curitiba/PR; "Esperantização de termos típicos brasileiros: tema para discussão" pelos dicionaristas Sylla Chaves (Rio/RJ) e Túlio Flores (Belo Horizonte/MG); "Inteligência Artificial – ainda é possível?" por Guilherme Jardim, Charqueada/SP; e "Cultura esperantista: Esperantistas são bem informados?" por Alexandre Prado, Lorena/SP. Ao final de todas as palestras, abriu-se espaço para discussão e o público mostrou-se muito interessado e participativo. Os presentes receberam uma brochura com o resumo de todas as palestras especialmente preparada para o evento pela Editora Oportuno.

Todos elogiaram o clima amigável e a programação não tão cheia, o que favoreceu maiores intervalos e ocasiões propícias para conversas, trocas de ideias e experiências nos corredores, refeitório e mesmo no alojamento, além de breve repouso em um ambiente esperantista. E esse é o objetivo do Ciclo de Conferências da BEL: ao contrário dos congressos, tais conferências devem espelhar o caráter puramente instrutivo, cultural bem como o alto nível do uso do idioma Esperanto, para a educação e fortalecimento da comunidade esperantista. Ao final do evento, os participantes unanimemente expressaram o desejo de que tais encontros aconteçam durante o carnaval.

Foto: Paulo S. Viana



# “Sen lim’ ĝis...”



***Duoble unu***
*Miksformata KD kun 12 titoloj (48 min)*
*Vinilkosmo, 2008*

Rencenzo:
**Rogener Pavinski**
*Ribeirão Preto/SP*

La unua albumo de tiu ĉi Franca Duopo - Patrik Delabi kaj Fransŭaz’ Rochette, aspektas neordinare. Unuavide, vi kiel mi, eble dubos pri kio temas tiu disko. Ĉu por infanoj - kiel oni povus konkludi el la video de Freneza sejmajno trovebla en la reto, aŭ ĉu por plenkreskulaj homoj, kiel por mi signifas la kovrilo.




Sed dum la aŭskultado rimarkeblas ke la enhavo taŭgas por ambaŭ. La muzikoj estas bele konstruitaj. Tio plaĉas al plenkreskulaj oreloj; aldone, kelkaj tekstoj tre taŭgas por kunkantigi infanojn. “Feliĉe” la muziko “freneza semajno” estas la plej stranga por mi. Feliĉe, ĉar la cetero aspektas alie, pro tio - muzike ĝuinda.

La sono estas malfacile priskribebla. La stiloj kaj temoj estas diversaj (afrika popolmuziko, roko, balado, itala muziko, ĵazo, ktp) pri infanoj: la alfabeto, akvopoluado, rubaĵoj, ktp). Estas diversaj instrumentoj kaj foje memorigas nian brazilan Karnak, aŭ iom malpli al Kajto en 2 aŭ tri kantoj, eble pro la virina voĉo. Ĉio estis registrita hejme kaj tio ne rimarkeblus al mi krom pro la voĉoj, kiuj meritus iom pli da atento, samkiel la simpla tekstolibreto.

Pri unu afero ne eblas dubi - originaleco! Ili ne havas nur unu stilon kaj ĉiu peco estas malsimila de alia. En la komenco de albumo, “verda plezuro” estas agrabla kanto, kaj estas amuze aŭdi la francojn kanti: “ĝis new york, são paulÔ”. Sekvas interesaj pecoj surbaze de akustika gitaro kaj bona melodio, sed bedaŭrinde, ne ĝis la fino, la aŭdado tiel bone fluas. Ĝenas kiam ili provas esti tro originalaj en la fino de la disko. En “La parado de la literoj” iu voĉefekto min ĝenis tre, kaj en “Napokapoj” la longdaŭra repo tedas.

La disko enhavas grandan kolekton de komputillegeblaj aldonaĵoj kiel bildrakonton, fotaron, karaokeajn versiojn kaj kantotekstoj kun akordoj. “Sen lim’ ĝis...” aspektas kiel bona komenco por tiu paro en la muzika rondo esperantista. Mi tre esperas ke en estonta albumo ili povu poluri sian sendubindan talenton.



***Daŭrigo de la paĝo 10*** ***(Claude Piron mortis. Vivu la bona lingvo!)***

leitor preferir dizer Italujo e Polujo, em vez de Italio e Pollando . . .que o faça.”

Mi akceptas lian inviton.

Sed preter la unuopaj punktoj, mi konsentas ĝenerale pri la strebo de Sylla teni Esperanton simpla kaj por normalaj homoj. Tiu estis ankaŭ la strebo de Claude Piron, je kies ideoj mi mem dediĉis la paĝaron *http://www.bonalingvo.it/index.php/Simplaj_samsignifaj_vortoj.*

Post la forpaso de Piron, Sylla restas la grandulo je kiu mi rigardas.



# Bonsukcesis la BEL-Konferencoj 2009

*Paulo Sérgio Viana*

Fotoj: Paulo S. Viana






Kun ĉeesto de trideko da kuraĝuloj, kiuj ne facile atingis la urbeton Bandeira do Sul, en ŝtato Minas Gerais, okazis en bona etoso kaj kun riĉa programo la "BEL-konferencoj 2009", je la 22-a kaj 23-a de februaro. La tuta evento okazis en katolika tre taŭga restadejo, kie oni komforte kunsidis, manĝis kaj tranoktis je tre favora prezo kaj sub la ombro de impona Esperanta standardo en interna korto. La loka organizanto, S-ro João Otávio Veiga Rodrigues, preskaŭ sola (tamen, dankon ankaŭ al la bonkora edzino!) regalis ĉiujn per zorgoplena dorlotado – dankon!

Post malferma parolado de Sylla Chaves ("Publikaj Rilatoj por Brazilaj Esperantaj Institucioj"), sekvis altnivelaj prelegoj: "La Historio de la Morto" (J.M.Progiante), ""Eŭropa Referenckadro: nova internacia sistemo por lingvaj ekzamenoj" (P. Nascentes), "Relego de la Fundamenta Gramatiko" (Geraldo Mattos), "Vortaroj, vortkolektado, brazilaĵoj en Esperanto" (Sylla Chaves kaj Túlio Flores), "Artefarita Inteligento – ĉu ankoraŭ eblas?" (Guilherme Jardim) kaj "Esperanta kulturo: ĉu Esperantistoj estas bone informitaj?" (Alexandre Prado). Ĉiujn prelegojn sekvis diskutoj, kaj la publiko montriĝis vigle interesata kaj intervenema. Ĉiu partopreninto ricevis kajeron kun la resumoj de ĉiuj prelegoj, kiun pretigis Eldonejo "Oportuno".

Plej laŭdata de ĉiuj estis la amika etoso kaj la ne tro ŝtopita programo, tiel ke estis sufiĉe da tempo kaj favoraj okazoj por koridoraj, manĝoĉambraj kaj eĉ dormoĉambraj interparoloj, babilado, interŝanĝado de spertoj kaj informoj kaj simpla ripozado en Esperantista medio. Tia estas la intenco de "BEL-konferencoj": ne kiel en kongresoj, ili estu pure kleriga, kulturflega kaj altnivela uzado de nia lingvo por edukiĝo kaj plifortiĝo de nia komunumo. Fine de la evento, la partoprenintoj unuanime esprimis la esperon, ke similaj renkontoj plu okazu en karnavalaj tagoj.





## KELTAJ VIRINOJ

(NEKONATA AŬTORO)

**(TRADUKITA DE NEIDE BARROS REGO)**
neidebarrosrego@terra.com.br

La virinoj el kelta deveno estis edukataj tiel liberaj kiel la viroj. Al ili estis donita la rajto elekti siajn kunulojn kaj neniam ili povus esti devigataj al iu interrilato, kiun ili ne deziras. Ili estis instruataj labori por ke ili povu garantii sian subtenon, same kiel ili estis bonegaj amorantinoj, dommastrinoj kaj patrinoj.

La unua leciono estis:

"Amu vian viron kaj sekvu lin, sed nur se ambaŭ reprezentos, unu por la alia, kion la Diino-Patrino instruis: Amo, kunuleco kaj amikeco."

Neniam permesu, ke iu viro vin sklavigu: vi naskiĝis libera por ami, kaj ne por esti sklava.

Neniam permesu, ke via koro suferu pro amo. Ami estas ago de feliĉo. Kial suferi?

Neniam permesu, ke viaj okuloj verŝu larmojn pro iu, kiu neniam igos vin rideti!

Neniam permesu, ke la uzo de via propra korpo estu limigita. Sciu ke la korpo esta la loĝejo de la spirito. Kial konservi ĝin malliberigita?

Neniam permesu vin restadi dum horoj, atendante iun, kiu malgraŭ la promeso neniam venos.

Neniam permesu, ke via nomo estu vane elparolata de iu viro, kies nomon vi eĉ ne konas.

Neniam permesu, ke via tempo estu malŝparita kun iu, kiu neniam disponigas tempon por vi.Neniam permesu, ke oni kriu en viajn orelojn. La Amo estas la nura, kiu povas pli laŭte paroli.

Neniam permesu, ke senbridaj pasioj konduku vin el reala mondo en alian , kiu neniam ekzistis!

Neniam permesu, ke aliaj revoj sin miksu al la viaj, ŝanĝante ilin en grandan premsonĝon!

Neniam kredu, ke iu povas reveni, se li ĉiam estis for!

Neniam permesu, ke via utero generu filon, kiu neniam havos patron!

Neniam vin permesu vivi sub la dependo de iu viro kvazaŭ vi estus naskiĝinta invalida.

Neniam igu vin belega kaj rava por atendi viron, kiu ne havas okulojn por admiri vin!

Neniam permesu ke viaj piedoj paŝu survoje al viro, kiu nur vivas forkurante de vi.

Neniam permesu, ke iu ajn doloro, malĝojo, soleco, malamo, ĉagreno, ĵaluzo, memriproĉo kaj ĉio, kio povas forigi la brilon de viaj okuloj, regu vin, malpliigante la forton, kiu ekzistas ene de vi!

Kaj, precipe, neniam permesu, ke vi mem perdu la dignon esti...VIRINO.

# Bazaj principoj de ĝardenkulturo



**Francisco Stefano Wechsler**
*(*Prelego prezentita ĉe la Sanpaŭla E-Kongreso de Lorena, 2008*)*

Tiu ĉi artikolo celas amatorajn ĝardenistojn kaj pritraktos nur elemente la necesajn principojn por sukcesa ĝardenkulturo. Pli ambicia leganto verŝajne deziros pli funde esplori la temon, serĉante informojn en faktekstoj.

La vojo al sukcesa ĝardenkulturo baziĝas sur la kapablo provizi plantojn per taŭga medio aŭ/kaj elekti speciojn adaptitajn al certa medio. Ĉiu ĝardenisto bezonas scii pri la postuloj de specio kulturota rilate al temperaturo, lumo, akvo kaj tero. Profesiaj ĝardenistoj uzas fermitajn planthalojn, kie eblas regi preskaŭ perfekte temperaturon, lumintenson kaj lumperiodon, akvumadon kaj terkvaliton. Sed amatoroj sukcesos kulturi multajn plantojn eĉ sen ŝirmostrukturoj, kondiĉe ke ili respektu la fiziologion de ĉiu aparta specio.

Ni, brazilanoj, loĝas plejparte en tropika aŭ subtropika regiono, kaj sekve la specioj plantotaj preferinde prosperu sub relative altaj temperaturoj. Tipe tropikaj specioj preferas temperaturojn super 18C kaj malprosperas aŭ eĉ mortas sub 12C. Se vi loĝas en subtropika regiono, kie okazas frostoj dumvintre, elektu zorge speciojn frosteltenajn. Ekzemple, la Matogrosa filiko perdas siajn foliojn sub malaltaj temperaturoj, kaj por tia klimato oni plantu preferinde la Bostonan filikon, kiu estas frosteltena vario el Usono. Temperaturoj super 30C ankaŭ povas malprosperigi certajn tropikajn speciojn, kiel la Afrikan violon aŭ orkideojn. Do relative sekura principo, kiu aplikiĝas al la plimulto de niaj ĝardenspecioj, estas kulturi inter 18 kaj 28C.

Alia grava principo estas la lumintenso. Profesiaj ĝardenistoj uzas lumomezurilojn en planthaloj, sed por amatoroj plejparte sufiĉas klasi la lumintenson en tri kategoriojn: plena suno, duonombro kaj ombro. Al la unua kategorio adaptiĝas plantoj, kiuj bezonas minimume kvar horojn da rekta sunradiado ĉiutage, kiel ekzemple rozujoj, bugenviloj, hibiskoj kaj iksoroj. Tamen ili pli prosperos kaj floros pli intense sub ok horoj da plena suno, aŭ eĉ pli. “Duonombro” signifas tiun lumintenson, kiu troveblas sub arbo, tra kies branĉoj kaj folioj filtriĝas iom da sunradioj. Al tia medio bone adaptiĝas, ekzemple, anturioj, Amazonia ruelio[1], kaj multaj orkideoj. “Ombro” estas tiu medio, kiun sunradioj atingas nur nerekte, kaj en ĝi prosperas, ekzemple, difenbakioj kaj Afrika violo. Pluraj specioj estas relative “elastaj”, kaj adaptiĝas al diversaj lumintensoj; ekzemple, odontonemo[2] estas kulturebla sub plena suno aŭ duonombro.

Manko de sufiĉa lumo kaŭzas al sunamaj plantoj la jenajn simptomojn: florado ĉesas, folioj fariĝas malhelverdaj kaj la planto trolongiĝas. Tro da lumo kaŭzas al ombramaj plantoj ĝeneralan foliflaviĝon kaj sublongiĝon.

La tria principo estas taŭga akvumado, kiun oni tre ofte misinstrukcias. Ekzemple, oni ordinare diras al amatora ĝardenisto, ke hibridajn vazbegoniojn li akvumu ĉiun duan tagon. Tiu ĉi instrukcio estas misa, ĉar, unue, oni ne diras al li, kiom da akvo uzi; kaj due, ĉar akvopostulo de planto dependas, interalie, de aertemperaturo, aermalsekeco, vegetstadio,

tero kaj plantspecio. Grava principo estas ekscii la akvopostulon de ĉiu specio kulturota. Kaktoj estas adaptitaj al dezertoj, kaj oni devas provizi ilin per multe da suno kaj lasi la envazan teron tute sekiĝi antaŭ la proksima akvumo. (Tamen ekzistas esceptoj, kiel la Kristnaska kakto, kiu en Sudameriko floras en Majo!) Iom pli akvopostulema estas aloo, kiu preferas, ke oni lasu la teron sekiĝi de la supraĵo ĝis proksimume la vazduono. Multaj specioj preferas teron milde malsekan; por tiaj, uzu la tiel nomatan “fingroregulon”: tuŝu la supraĵon de la tero per fingropinto; se vi sentas la teron malvarma, ne akvumu; se, male, vi sentas seka la supraĵan centimetron, akvumu. Kelkaj specioj pli bone prosperas en tero ĉiam malseketa, sed ne marĉa: ekzemple, kufeo[3], flava pakistako[4] kaj Afrikaj impatientoj. Ekzistas ankaŭ plantoj, kiuj preferas apudlagan terenon, kie la medio estas marĉeca, kiel, ekzemple, papiruso. Kaj fine, kelkaj ĝardenplantoj vivas enakve, kiel la Amazonia nimfeo.

Per kiom da akvo provizi la plantojn je ĉiu akvumo? Se temas pri ekstervazaj plantoj, akvumu ĝis la tersupraĵo fariĝas homogene malhela kaj la akvo komencas malfacile penetri. Preferinde priŝprucigu ne ĵetante la akvon rekte sur la teron, por eviti kompaktigi ĝian supraĵon aŭ kaŭzi erozion. Por vazplantoj, akvumu malrapide, ĝis la unuaj akvogutoj eliĝas tra la vazfundo. Kelkaj plantoj, kiel anturioj, ŝatas, ke oni akvumu ankaŭ iliajn foliojn kaj tigojn. Sed por afrikaj violoj estas pli bone tute ne akvumi foliojn aŭ florojn, sed mergi la vazojn en akvon ĝis preskaŭ la supra vazrando kaj lasi ilin tie ĝis la tersupraĵo tute malsekiĝas, sed ne pli longe. Oni ankaŭ zorgu, ke la diferenco inter folitemperaturo kaj akvotemperaturo restu sub 5C, male oni povos makuli foliojn. Tial multaj tekstoj rekomendas ne akvumi plantojn sub forta suno.

Rilate teron, oni zorgu ĉefe pri ĝia akvotralasemo, acideco, enhavo de organika materio kaj koncentro de nutraj elementoj. La plimulto de plantoj adaptiĝas al vasta diverseco de teroj, sed ideale tero devus esti riĉa je organika materio kaj tralasi akvon facile. Tial, preparante kavojn aŭ bedojn por plantoj, oni kutime aldonas fonton da organika materio, kiel sterkon. Estas tre grave fermentigi sterkon en aeroriĉa medio dum minimume unu monato antaŭ ol uzi ĝin, male oni povos difekti aŭ eĉ mortigi plantojn. Ordinare oni uzu, por ĉiu kvadrata metro, kvin litrojn da kokosterko aŭ dek kvin litrojn da bovosterko, kiuj estu zorge miksitaj kun tero. Por multaj vazplantoj, bona miksaĵo estas 2 partoj (volumene) da organika materio plus 2 partoj da malsubtila sablo plus 1 parto da argiloriĉa tero.

La granda plimulto de niaj tropikaj specioj preferas teron milde acidan; alivorte, la pH restu inter 6 kaj 6,5. La miksaĵo por vazplantoj ĵus prezentita ordinare havos pH-on inter tiuj limoj. Tamen, en multaj terenoj la pH situas sub 6, tial necesaas aldoni pH-korektilon, ordinare muelitan kalkoŝtonon, kiu konsistas plejparte el kalcikarbonato, neŭtraliga substanco.

Certaj specioj bezonas pli acidan teron. Tipa ekzemplo estas azaleoj kaj iksoroj, kiuj preferas pH-on inter 5 kaj 5,5 kaj montras signojn de fermanko en teroj alkalaj aŭ nur milde acidaj: la junaj folioj fariĝas flavaj, escepte de ties vejnoj, kiuj restas en la komenco verdaj. Do jen miksaĵo por nanaj azaleoj, kiun mi sukcese uzas: 3 partoj da sfagno, 1 parto da malsubtila sablo kaj 1 parto da vermikulito[5]. Insektomanĝaj plantoj, kiel dioneo aŭ drozero postulas eĉ pli acidan medion, inter 4 kaj 4,5 kaj tion ĉi oni ordinare atingas uzante puran sfagnon.

Por vazorkideoj, oni tute ne uzu teron, sed organikan medion, kiu tralasu akvon rapide. Kokosfibro tre taŭge funkcias ĉi-cele; oni povas egalparte miksi muelitan kaj nemuelitan fibron, por ke la medio



restu malseketa, sed tralasu akvon rapide. Multaj orkidekulturistoj uzas rabotaĵon aŭ karbopecetojn.

Ĉar ofte tero ne liveras la necesajn elementojn sufiĉakvante, tial necesas provizi la plantojn per ili. Se la ĝardentero enhavas sufiĉe da organika materio kaj ĝia pH situas inter la dezirataj limoj, ordinare sufiĉas pripulvori la terenon unufoje monate per 10-15 gramoj da ĥemia fekundigilo, kun formulo 10-10-10 (10% da nitrogeno, 10% da fosforo kaj 10% da kalio) por ĉiu kvadrata metro. Por vazplantoj, aldonu ĉiusemajne 100 miligramojn da tia formulo por ĉiu litro da tero. Rimarku, ke aldono de ĥemiaĵoj plialtigas la akvopostulon de plantoj. Ankaŭ rimarku, ke tiaj 10-10-10 formuloj enhavas tro multe da kalcio por acidamaj plantoj, kiel azaleoj. Por orkideoj, ekzistas specifaj formuloj kaj organikaj fekundigiloj. Fine, *neniam* aldonu ian ajn substancon al tero uzota aŭ uzata por insektomanĝaj plantoj, ĉar ili adaptiĝis per evoluado al tre malriĉaj teroj kaj akiras siajn nutraĵojn el la kaptitaj insektoj.

Mi finas ĉi tiun artikoleton per kelkaj komentoj pri Afrika violo, kiuj servos por ilustri la diskuton. Oni ofte demandas: kial ili ne floras, malprosperas aŭ eĉ mortas? Efektive, ne ekzistas sekretoj pri la kulturado de ĉi tiu belega specio; sufiĉas atenti pri kelkaj detaloj. Afrika violo bezonas ombron, sed kun multe da lumo, kion oni akiras, ekzemple, tenante la vazojn proksimaj al fenestro, sed sen rekta ricevo de sunradioj. Plej taŭga lumperiodo estas 14 ĝis 16 horoj ĉiutage, kaj oni povas komplementi naturan lumon per fluoreskaj lampoj, al kiuj la gesneriacoj (familio de la Afrika violo) bone reagas, malsimile al aliaj specioj. La temperaturo devas situi inter 18 kaj 28C, kaj ŝirmu la plantojn kontraŭ ventoj, precipe dum la malvarma periodo de la jaro. La tero devas resti ĉiam malseketa, kio probable postulos ĉiutagan akvumon dumsomere kaj akvumon dufoje ĉiusemajne dumvintre. Akvumu la vazojn de malsupre. La relativa aera malsekeco devas resti proksima al 80%, kaj tio estigas problemon, precipe dum Aŭgusto kaj Septembro. Por kontraŭstari la aersekecon, aranĝu tavolon de ŝtonetoj sur teleron, metu la vazon sur la ŝtontavolon kaj verŝu akvon sur la teleron ĝis ĝia nivelo *preskaŭ* tuŝas la malsupraĵon de la vazo. Taŭga termiksaĵo devas esti riĉa je organika materio, tamen akvotralasema, kaj ĝia plej taŭga pH situas inter 5,5 kaj 6, do miksaĵo el unu parto kaj duono da sterko + unu parto kaj duono da muelita kokosfibro plus unu parto da malsubtila sablo bone funkcias. Uzu likvan fekundigilon, kun kompleta formulo, kiu inkluzivas ĉiujn necesajn elementojn, ne nur nitrogenon, fosforon kaj kalion. Dissolvinte la fekundigilon en akvon, laŭ instrukcioj de ĝia fabrikanto, akvumu la violojn per ĉi tiu solvaĵo ĉiun duan semajnon dumsomere kaj ĉiumonate dumvintre.

Konklude, plantoj parolas, ili diras al ni: mi soifas, mi bezonas pli da lumo, mi malsatas... Aŭskultu ilin, kaj ili rekompencos vin.



Notoj

[1]Specio de la genro *Ruellia*, el la akantaca familio. Tie ĉi temas pri *R. colorata*, kiu produktas belegajn ruĝajn florojn, tre allogajn por kolibroj kaj insektoj.

[2]*Odontonema strictum*, arbusteto el la akantaca familio, kies ruĝaj floroj allogas kolibrojn kaj insektojn.

[3]Specio de la genro *Cuphea,* precipe *C. gracilis*, el la litrumaca familio, herbo uzata ordinare kiel malalta barilo por limigi bedojn aŭ vojetojn, produktanta violajn floretojn, allogajn por abeloj kaj aliaj insektoj.

[4]*Pachystachys lutea*, arbusteto el la akantaca familio produktanta flavajn florojn, tre allogajn por kolibroj.

[5]Speco de glimo, posedanta grandan akvoretenemon kaj tamen bonan akvotralasemon, kun pH ĉirkaŭ 7, ofte uzata kiel ingredienco de miksaĵoj por vazplantoj, sembedoj ktp.

# Zamenhof nekonata

**Floriano Pessoa**
*Rio de Janeiro*
*2009*



La vivo de la kreinto de Esperanto estas temo de pluraj libroj de fidindaj aŭtoroj(1), sed ankoraŭ restas aspektoj ne sufiĉe prilumitaj, kiuj interesus studantojn de nia historio. Por forigi tiun mankon, la juda esperantisto N.Z.Maimon verkis serion da artikoloj en la revuoj " La Nica Literatura Revuo" , "Monda kulturo" kaj "Norda Prismo"; kaj poste, laŭ sugesto de Waringhien, li kunigis kaj publikigis tiun artikolaron en la libro "La kaŝita vivo de Zamenhof"(2). En ĉi tiu artikolo mi resumas kelkajn el la plej interesaj informoj de la citita libro.



*L.L.Zamenhof*

1. Naskiĝo-loko

Tiutempe Bialystok situis en la tiel nomata "historia Litovujo", nun pola teritorio. La domo, kie naskiĝis Zamenhof NE staris ĉe la strato Zielona(verda), kiel informas biografoj, sed ĉe Ulica Zydowska (strato de la judoj).

2. Kultura medio

De la avo Fabian ĝis la nepo Lazaro Ludoviko, la familio Zamenhof strebis al la lernado de fremdaj lingvoj, interalie pro influo de la klerisma movado, kiu vigle disvastiĝis en Litvo, meze de la deknaŭa jarcento. La patro Marko gvidis la grupon rekte al la celo, nome al, klereco sen tempo-malŝparo kun fantazioj kaj utopioj. Dank'al sia profunda scipovo de la hebrea lingvo, Marko Zamenhof baldaŭ atingis la postenon de cara cenzuristo.

3. Nomo

En la festo de cirkumcido, la bebo Zamenhof ricevis la nomon ELIEZER, poste transformita al Lejzer, Lazar, kaj fine al Lazaro-Ludoviko. La germandevena familia nomo devus esti SAMENHOF, sed la "majstro" mem ĉiam uzis Z, kaj donis jenan klarigon: "Ni devas celi al tio, ke pli aŭ malpli frue en la lingvo internacia ĉiuj nomoj estu skribataj laŭ la fonetiko internacia de tiu ĉi lingvo, por ke ĉiuj nacioj povu legi ĝuste tiujn nomojn. Jen estas la kaŭzo, kial mi skribas mian nomon per Z, kvankam ĝi havas devenon germanan" (Letero al Berlinaj Esperantistoj).

4. Zamenhofa mondkoncepto

Surbaze de profundaj esploroj, Maimon konkludas, ke la juna Zamenhof estis forte influata de la Biblia rakonto pri la Babela Turo, kiun li plurfoje mencias en sia verkaro, interalie en la traktaĵo "Esperanto kaj Volapuk".

5. La studenta periodo

Kiel studento en la Universitato de Moskvo (1879-1881), Zamenhof ne okupiĝis pri la internacia lingvo (pro la promeso al la patro), sed plue sin donis al la studado de fremdaj lingvoj: greka, latina, franca, germana, angla kaj hebrea. Krome, li verkis gramatikon de la judgermana (jida) lingvo, kiun li deziris starigi sur la rangon de la

kulturaj lingvoj de Eŭropo. La juna studento Zamenhof ankaŭ partoprenis en movadoj celantaj akiri patrujon por la juda popolo (Cionismo kaj Hhibat-Cion).

Tamen Zamenhof ne favoris la uzadon de la antikva hebrea lingvo, kiel internacian lingvon de la judoj, ĉar li opiniis ĝin tro malfacila kaj ne fleksebla por la moderna vivo.

6. Pseŭdonimoj

Pro modesteco, kaj ankaŭ por ŝirmi sin mem, kaj la aferojn por kiuj li laboris, Zamenhof uzis entute dek pseŭdonimojn: D-ro Esperanto, Amiko, D-ro X, N.N, Hamzefon, Hemza, Homo sum, Homarano, Unuel kaj Anna R. La plej grava (D-ro Esperanto) aperis en la Unua Libro, Dua Libro, Aldono al la Dua Libro, Malgranda Vortaro, Plena Vortaro kaj Meza Vortaro.

Hamzefon (anagramo de Zamenhof) li uzis en ruslingvaj artikoloj dum la antaŭesperanta periodo; Hemza: uzita en kvin poemoj, unu en pra-Esperanto; Amiko: en poemo presita en la unua numero de "La Esperantisto"; Homo Sum kaj Homarano respektive en la artikoloj pri Hilelismo kaj Homaranismo; d-ro X en artikoloj pri la jida lingvo; N.N. en la rusaj tradukoj de la Dua Libro kaj de la Aldono al la Dua Libro; Unuel en la artikolo "Esenco kaj Estonteco de la ideo de Lingvo Interenacia"; kaj fine Anna R. (virina nomo) en la traduko de "La virineto de maro", de Andersen. La motivon de tiu lasta elekto neniu ĝis nun klarigis.

7. Al kiu apartenas Zamenhof?

Ĉar Zamenhof naskiĝis en pola urbo, poloj kompreneble diras, ke li estas ilia samlandano.

Siaflanke, litovoj memorigas la apostrofon de Zamenhof en Londona parolado, 1907: "... Litovujo, mia malfeliĉa patrujo..." kaj asertas, ke li estas litovo.

La judoj (en kaj ekster Israelo) citas la faman leteron al Michaŭ (3), kie Zamenhof skribis:

"Kaŝi mian naciecon mi tute ne deziras: se vi parolos pri mia nacieco, volu diri, ke mi nomas min ruslanda hebreo".

Antaŭ tia malakordo de opinioj, ni redonu la parolon al la "majstro" mem:

"MI ESTAS HOMO, KAJ LA TUTAN HOMARON MI RIGARDAS KIEL UNU FAMILION"... ... "SED TIEL SAME KIEL MI, EN LA NUNA MOMENTO NE ESTAS IA NACIANO, SED SIMPLA HOMO, TIEL SAME MI ANKAŬ SENTAS, KE EN TIU ĈI MOMENTO MI NE APARTENAS AL IA NACIA AŬ PARTIA RELIGIO, SED ESTAS NUR HOMO".(4)



Bibliografio

1.a Privat, Edmond - "Vivo de Zamenhof" The Esp. Publishing Co. Ltd., 1946

1.b Boulton, Marjorie - "Zamenhof", Stafeto, 1962

1.c Ziólkowska, Maria - "Doktor Esperanto", Warszawa, 1959

1.d Holzhaus, Adolf - "Doktoro kaj lingvo Esperanto", Fondumo Esperanto, 1969

2. Maimon N.Z. - "La kaŝita vivo de Zamenhof", Japana Esperanto-Instituto, 1978

3. Zamenhof L.L., "Leteroj", vol. I, SAT, 1948

4. Zamenhof, L.L., "Originala Verkaro", Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig 1929.

# 44-a Brazila Kongreso de Esperanto

de la 12a ĝis la 17a de julio 2009

Juiz de Fora/MG - Brazilo

**29-a Brazila Junulara Kongreso de Esperanto**
kaj 8-a Infana Kongreseto

**Realigo**: Kultura Esperanto-Asocio (KEA)
**Aŭspicio**: Brazila Esperanto-Ligo (BEL)

**Por pliaj informo vizitu la retejon**
http://www.44bke2009.blogspot.com

---

# 4-a Kongreso de Esperanto de la Ŝtato San-Paŭlo

*de la 10-a ĝis la 12-a de oktobro 2009*
**Bauru/SP**

**Realigo**: Esperanto-Societo de Bauru (ESB)
**Aŭspicio**: Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP)

Baldaŭ ni aperigos pliajn informojn pri la evento

# ZAMENHOFA JARO




D-ro L. L. Zamenhof
(1859 - 1917)

La kreinto de Esperanto havas interesan historion por rakonti okaze de la 150-jara jubileo de sia naskiĝtago...

... kaj vi havos la tutan jaron 2009 por rerakonti ĝin al viaj lernantoj!

**Brazilei**